FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

30ᵃ JARO - Nº 204 - JAN. 1962

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xᵉ — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

"LES PORTES DU MONDE".....

EKSPOZICIO PRI ESPERANTO.....

EN PARIZO.....




Iom mistera sed alloga titolo legebla super la ŝtuparo apud kaj en la enirejo de la celanta salono de la stacidomo Saint - Lazare (Galerie des Marchands) kiu invitis la pasantojn viziti la Ekspozicion pri Esperanto. Longtempe oni parolis ĉe la esperantaj, ferv oraj fervoj istoj, pri tiu evento. Kelkaj el ili ege cerbumis kaj fine, sujcesis starigi bonege ellaborita, tiun ĉi ekspozicion.

Eĉ ĉe la unua vido, ĝi aperas bone ekvilibra, spertedesegnita... La koloroj altiras la okulojn al pli da scivoleco; ĉiu temo klare prezentiĝas, nenie senutilaj detaloj...

La dua tabulo: "HISTORIQUE DE LA LANGUE ESPERANTO" apud bele pentrita portreto de ĝia genia iniciatinto, montras U.E.A. kun ĝiaj fa-

.../........

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Pierre PETIT** UEF 34 rue de Chabrol - PARIS (10ème). Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

(sekvo de la 1-a paĝo)

kaj asocioj (tute malsupre de tiu tabulo, Sennacieca Asocio, tute sola).

Sube sur tablo, oni povas tralegi la unuajn verkojn de D-ro ZAMENHOF, admiri la monerojn-stelojn, diskojn. Same kiel la aliaj tabloj, tiu-ĉi estas bone ŝirmita per "ALTU GLASS" afabla donaco de ALTULOR (12 rue d'Alembert en Asnières).

La tria tabulo: "LE VOILE DE L'OBSCURANTISME SE DECHIRE" kun informoj pri la diversaj kursoj. Sur la tablo kuŝas multaj libroj - tradukoj de gravaj verkoj el Beaudelaire Shakespeare, Cervantès, Sienkiewicz Daudet, Duhamel, Pagnol... kaj la Biblio.

La kvara tabulo "ORGANISATION DE L'UNESCO" ORIENTO-OKCIDENTO, bildigita per foto-afiŝoj el la tuta mondo, esperante skribitaj, eldono de UNESKO mem.

La kvina tabulo "PHILATELIE" estas la ŝatata angulo de la filatelistoj. La travidebleco de ALTUGLAS permesas admiri la specialajn poŝtmarkojn kaj stampilojn, okaze de la diversaj kongresoj, ĉu lokaj ĉu internaciaj.

La sesa tabulo montras la abundon de nia literaturo. Sur la tablo troviĝas kelkaj el ili;el Dro ZAMENHOF E.PRIVAT, R.SCHWARTZ, I.LAPENNA ktp

La sepa tabulo: "LA PRESSE" estas vera kirlo de niaj gazetoj, kies plej diversaj titoloj montras la riĉecon de la esperanta vortaro : "La Budha Lumo" Tamen" La Kontakto" (blindaj esperantistoj) kompreneble ankaù "La Fervojisto". Sur la suba tablo, oni povas foliumi tiujn gazetojn kaj aliajn bultenojn.

La oka tabulo:"SCIENCES ET TECHNIQUES" pritraktas gravan temon.Sur ties tablo same okulfrapas titoloj, kaj malfermitaj libroj: "Geografia Revuo" "Jura Terminaro" Scienca Re-

vuo", "Kosmo", ktp.....

La naŭa tabulo: "TOURISME" - plene konvinkita, impona kampadisto iradas la vojon tra la multnombraj fald-prospektoj - Historiaj Elmontroj, Paradizaj Anguloj, ĉu ĉe Maro, ĉu ĉe Montaro.. tie ĉi belaj floroj "parolas" al lia dika nazo, dum aliflanke bildo de komfortaj hoteloj (esperanto parolata) invitas lin al dolĉa ripozo.

La deka tabulo:"CONGRES INTERNATIONAUX DES CHEMINOTS ESPERANTISTES por ties koroj kaj memoroj, la DEK TRI urbnomoj tie skribitaj revivigas la multnombrajn horojn, ĉiujare de bona esperanto-laboro, ankaŭ la tagojn, kiujn ili pasis en la esperanta amikeco! Sur la tablo, kuŝas la Kongreslibroj, ĉu naciaj, ĉu internaciaj, kun la taŭgaj insignoj.

La dekunua tabulo: "LES FOIRES INTERNATIONALES" : la lingvo Esperanto ege helpas en la internacia komerca medio, kiel pruvas la multnombraj faldprospektoj.

La dekdua tabulo "L'ESPERANTO DANS LES TELECOMMUNICATIONS" rememorigas ke, ek de 1904, Esperanto-telegramo estis uzebla, ke multaj elsendoj okazas, aŭdeblaj en la tuta mondo.

Sur la tablo, diverslandaj horaroj enhavas klarigojn esperantlingve.

Post lasta rigardo al la diversaj fotoj, belaj afiŝoj pri: ĉu kongresoj, ĉu foiroj... meze de la salono, sur alta kolono, kovrita per la verda standardo, la Kultura Domo (Kastelo de Grésillon) invitas ĉiujn esperantistojn al perfektiĝo pere de renkontiĝo kun la multaj eksterlandanoj kiuj ĝin vizitas ĉiujare.

La Prezidantino de F.F.E.A., nia samideanino F-ino LEMONNIER inaŭguris tiun interesan ekspozicion la 6-an de oktobro 1961, en la ĉeesto de eminentuloj el la franca fervoja asocio (S.N.C.F.): ŝi bone rememorigis ke, jam en 1937, S-ro Raoul DAUTRY (tiama ĝenerala direktoro de la Fervojoj) akceptis la prezidantecon de komisiono ĉe la Konferenco. "Esperanto en la Moderna Vivo". La Prezidantino dankis la reprezantantojn de S.N.C.F. pro la permeso ĵus donita por instruado de Esperanto en la metilernejoj de la okcidenta regiono... kaj akcentis pri la celoj de la ekspozicio: Informi la publikon pri la ebloj de la Lingvo Internacia, ĉefe sur la teknika kampo.

JULIETA

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## R E C E N Z O J

L'ESPERANTO ET LA CULTURE
de Jeanne DEDIEU - kvar paĝoj
Eldonoj Francaj de Esperanto.

Tiu artikolo, antaŭe publigita en "La Dépêche du Midi" pritraktas ĉefe la "Someran Universitaton", la "Svedan Someran Semajnon", kaj la radio-elsendojn en Esperanto. Ĝi certe alportos utilajn informojn al la franclingvaj intelektuloj, kiuj malmulte konas pri la parola uzo de nia lingvo.

M. D.

FURORKANTOJ KAJ ALIAJ
estas la titolo de kantareto esperantlingva eldonita de la klubo en FEJER MEGGE (Hungario). En ĝi estas troveblaj mondfamaj kantoj: Marina, Djana, Come Princa, ktp.. Interesatoj sin turni al Sro Vilhelmo BENCZIK, Szàr 2, àrpad ùt 20 - Féjer - Megge (Hungario)

(Vidu plue p. 11)

## VIVA DE LA GRUPOJ

CHATENAY - MALABRY (Seine)

La filmo "AUSTRALIO" ĝuis aplaŭdon dum la festkunveno de tiu grupo (dimanĉon 19an de novembro) kiun partoprenis 180 personoj.

La programo konsistis krome el prezentado de bildoj pri Japanio, faritaj de S-ro WASEDA el Nagoja repertuaro de S-ro Srdjan FLEGO, folkloraj dancoj kaj prezentado de la kostumoj de la kelta grupo de S.N.C.F.

S-ro LECLERC, lerneja inspektoro kaj esperantisto, faris varman paroladeton, kaj prezentis la plej bonan lerninton de la plurjaraj kursoj.

Ankaŭ la vic-urbestro de Châtenay, S-ro MIGNON direktis favorajn parolojn al la ĉeestantaro. Partoprenis ankaŭ pluraj urb-konsilantoj la feston.

LE MANS (Sarthe)

Naŭ kursoj okazas en tiu urbo: ĉe Ateliers SNCF -- Ecole d'apprentissage Géron -- Ecole Jules Ferry-Cours complémentaire Ambroise Paré-Maison des Jeunes -- Foyer des Jeunes Travailleurs -- au C.C. Marceau pour les Membres de la R.N.U.R. - Ecole Jules Ferry.

Por pliaj informoj sin turni al Sinjoro MICHEL, delegito.

RABAT (Maroc)

La inaŭguro de la kursoj okazis la 7-an de novembro en la Jura Fakultato. Kvindeko da studentoj montris intereson pri la Internacia Lingvo kaj enskribis por sekvi la kursojn de S-ro CAGNON.

Ni menciu aparte la ĉeeston dum la inaŭguro de S-ro Direktoro de la Kulturaj Fakoj de Maroko.

TANANARIVE (Madagascar)

S-ro Henri ROUSSEAU povas fieri pri la sukceso de la nunaj kursoj. Jen lia reporto: 72 lernantoj en lia klaso, 44 en tiu de S-ro RAVELOSON, 12 en tiu de S-ro RASOANAIVO 4 profesoroj.

La grupo havas 49 membrojn, inter ili 22 kiel individuaj membroj de U.E.A.

ROMANS (Drôme)

La grupo BONA STELO (31 rue Pêcherie - Romans -(Drôme) organizos de la 20-a ĝis la 27a de julio, 1962, Internacian Ferio - Semajnon, laŭ plej favoraj prezkondiĉoj, en tutamikeca atmosfero. Ĝi entenos multajn ekskursojn tra la mirinde bela regiono. Petu rapide informojn ĉar ni ne povos superi limigitan nombron da aliĝontoj.

LILLE (Nord)

Post intervjuo ĉe Radio-Lille la Nordfranca Federacio preparas esperantistan Tagon kiu okazos en la kadro de la Internacia Komerca Foiro (22-an de aprilo ĝis 8an de majo).

Estas pluraj ŝanĝoj en la estraro de la loka klubo: S-ro M. LESOIN estas Honora Prezidanto, kaj S-roj L.GILOTEAUX kaj A. LABIT respektive sekretario kaj helpsekretario.

ROUBAIX - TOURCOING (Nord)

Jarfina kunveno okazis la 10-an de decembro en la sekretariejo. Pluraj anoj partoprenis la unuan tradukan konkurson, kun premioj. Krome, la rondo gastigos esperantistojn el BERLINO.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

HEROLDO APEROS PLI OFTE

Ni havas la ĝojon informi ke, ekde 1962 HEROLDO aperos 20 foje anstataŭ 18.

La nova redaktorino-eldonantino de HEROLDO DE ESPERANTO estos S-ino Ada Fighiera-Sikorska.

-o-

GEOGRAFIA SEMAJNO EN ODENSE (DANIO)
===================================

Dum la antaŭkongresa semajno (de la 28/7 ĝis la 4/8 1962) okazos la Kvara Internacia Geografia Semajno en tipe dana popol-altlernejo: Husmandsskolen apud la urbo Odense, ĝuste en la centro de Danio. La gelernejestroj GRONDBORG bone scias Esperanton, kaj ilia tute moderna lernejo kun grandega parko prezentas tre taŭgajn eblecojn por studado, ripozo kaj gaja somerumado.

Aparte oni povos studi danan agrikulturon kaj kooperadon, ĉar la lernejo posedas modelan bieneton.

Prelegoj okazos i.a. pri Balkana Folkloro, Sociologaj Fenomenoj en Bulgario, Afriko sub naciaj koloroj Dano rigardas Ĉinion, Esperanto en Geografia Instruado, Fungo-narkotikoj. Filmoj kaj multaj kolorbildoj kompletigos la temojn. Vespere aperos "Parolata Geografia Revuo" pere de la partoprenontoj, de kiuj oni cetere akceptos aliajn popularajn preleg-proponojn, tiel ke la programoj povos kontentigi ankaŭ nefakulojn.

Ekskursoj estos tra la dolĉa pejzaĝo al antikvaj memoroj (vikinga ŝipo en tomb-altaĵo), mezepokaj kasteloj, grandega ŝipfarejo, k. a. En Odense, oni rigardos la naskiĝdomon kaj la muzeon de la plej fama dano: Hans Christian ANDERSEN.

\- o -

La prezo estos 175 d.Kr. por plena gastigo en dulitaj ĉambroj, ekskluzive ekskursoj. Ne-membroj de la Internacia Geografia Asocio krompagu 5 d.Kr.

Plurajn informojn kun aliĝilo, petu - se eble aldonante respondkuponon - ĉe la organizantoj: R. kaj P. THORSEN, instruistoj pri geografio, Dyblandsvangen 7-KOPENHAGO Brh

# *TEJO*

Du emociaj temoj - Paco - kaj - Interpopola Amikeco - estos la simboloj de la 8-a Junulara Mondfestivalo en la ĉefurbo de Finnlando, HELSINKI, la venontan someron.

Miloj da gejunuloj de la kvin kontinentoj sin preparas al tiu evento, eble unika en sia tuta vivo

La Festivalon partoprenos la eminentuloj de la Junularo el ĉiuj popoloj.Sde la lingva barilo estos serioza malhelpo, pro nescio de internacia lingvo, kiun grimacoj kaj balbutadoj anstataŭigos.

Nur la kvarono de la parteprenontoj lernu ek de nun Esperanton en la lokaj grupoj organizataj en sia lando. La mondo de la Festivalo povos konstati kiel tiu kvarono estos kapabla, post kelkmonata lernado, konversacii pri la elektitaj temoj dum la aliaj tri kvaronoj ne povos efektivigi tiun intiman amikecon.

Christiane GARRIGUE

Prezidantino de la Junulara Fako.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

NASKIĜO
=======

Ni ĵus ekscIis pri la naskiĝo de CHRISTIAN, filo de nia agema amiko Michel DUC-GONINAZ. Bonvenon al la estonta esperantisto!

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

B O N A N N O V J A R O N
=========================

ni deziras al
ĉiuj niaj legantoj
kaj abonantoj

# TRA FRANCUJO

## H E N I N - L I E T A R D

Centjaro antaŭ la kristana erao meze de la lando de ATREBATOJ kaj ne malproksime de la antikva Galla urbo NEMETOCENNA (Arras) troviĝis, tie ĉi kaj tie, kelkaj kabanoj, ĉe la rando de densaj arbaroj, kies plurcentjaraj arboj banis fortikajn radikojn siajn en la klara akvo de vasta marĉo.

Loĝis en tiu vilaĝetaĉo idoj de la german-belgaj hordoj, kiuj iam estis forpelintaj la Keltajn pralo-ĝantoj, por multnombre loksidiĝi en tiu produktiva regiono.

"Feliĉaj popoloj Historion ne havas" asertas konata diraĵo. En siaj kanaj dometaĉoj, verŝajne tiaj estis niaj praulaj, kiuj dividis sian tempon inter ĉasado kaj terkulturo, ĉar ili ne postlasis memoraĵojn.

Kompense, multaj ormoneroj prezentantaj liberan ĉevalon galopantan, silikaj armiloj, elfositaj argilaĵoj, druidaj ŝtonoj malkovritaj ĉe rekonstruo de la preĝejo, postsignoj de Galla vojo kondukanta al Arras, kaj precipe la du tumuloj konservitaj ĝis la lasta jarcento, ĉio ĉi ebligis al la klerulaj certigi ekziston de Galla civito sur la teritorio de Hénin - Liétard dum la periodo antaŭanta la romianan invadon.

Strato Montpencher transprenis la nomon de unu el tiuj tumuloj, starinta apud la marĉo; al la alia ŝuldas sian nomon la iama strato de La Motte, la nuntempa strato al Lens.

Dum imperio de AUGUSTO, la Romia vojo de Arras ĝis Tournai trapasis Henin-on laŭ preskaŭ dukilometra distanco, ĉe la loko alnomita: "La Borne des Loups" kiun oni kromnomas Vojo al Tournai.

Pri la longtempa Romiana okupado atestas ankaŭ multaj galla - romiaj objektoj, nome: vazoj-urnoj, randelstaraj tegoloj kaj kelkaj romianaj tomboj malkovritaj ĉe la stacidoma loko kaj ĉe la alirejo de la vojo al Arras.

Sankta Marteno evangelizis tiun regionon ĉirkaŭ jaro 360a kaj konstruigis preĝejon en Hénin. Tamen, nur meze de la 7-a jarcento kristaniĝis ĉiuj Heninanoj, fare de Sankta Aùberto, episkopo en Arras.

Aĉa mizero baldaŭ furiozis tra la konkeritaj landoj, ankoraŭ pli akrigita pro la Frankaj invadoj. Hénin ruiniĝis. Ĉe fino de la 5-a jarcento, el ĝi nur postrestis loĝata loko, en kantono kovrita de veproj kaj sovaĝaj arboj.

La unuaj Frankaj reĝoj interesiĝis pri la lando de Atrebatoj;sekve la regiono travivis denove feliĉajn tagojn.

La muzeoj kaj privataj kolektoj konservas diversajn objektojn, kies malkovro en Hénin ebligis parte restarigi ties historion, sub la unuaj frankaj reĝoj: spadojn, hakilojn "skramasaksojn" (tranĉarmiletojn) glavrimenajn bukojn. Ni ne scias, kiun nomon havis la urbo. Tamen, malnova latina manuskripto nomas ĝin HENNINIUM.

Pli malfrue, ĉe la XIIa jarcento oni diras HENNIACUM. Tiu ĉi vorto devenas de la latina "HINNIENS" (baŭmanta), kiun oni atribuis al la civito, ĉar ĝi estis bredloko por tre renomataj ĉevaloj.

Same kiel multaj aliaj francaj urboj, Hénin estis administrata de

guberniestroj, nomitaj de la reĝoj el Merovida Dinastio.

Tiuj landsinjoroj iam ribeliĝis, kontraŭ la reĝan potencon kaj transprenis posedon de la bienoj, de kiuj ili nur fruktuzantoj antaŭe estis. Sekve stariĝis ĉefsinjoreco en Hénin kiu en la jaro 1123-a subdividiĝis, en grafecon voktejan kaj duarangan sinjorecon.

Grafo Liétard, la I-a alnomita: BROCHET, estis la unua vokteja sinjoro. Dum pli ol unu centjaro, lia familio administris la urbon, kiu ĉe la XIV-a jarcento, alprenis nomon lian sub la formo "HENNIACUM-LIETARDI" (Hénin-Liétard).

Kastelestrino el OIGNIES, Sinjorino de CLERCQ, venigis en la jaro 1840-a inĝenieron MULOT, cele instaligi en sia parko artezian puton por ŝprucanta akvo. Serĉante akvon per sondilo, tiu ĉi malkovris, je profundeco de 180 metroj, nigran substancon, kiu post esploroj montriĝis kiel karbo.

S-ino de CLERCQ daŭrigis la laboron kaj, en 1841-a estis malkovrita ekzisto de la arteziaj ŝtonkarba baseno, plilongigaĵo de la Norda baseno. Tiel, meze de la 19-a jarcento, kreiĝis nova industrio en Hénin-Liétard, la ŝtonkarba ekspluatado, kiu nepre akcelis prosperigon de la urbo
Ĉirkaŭ la fino de la 19a jarcento ĝi kalkulis 3000 loĝantojn; post la unua mondmilito venis alfluo de laborpetantoj el aliaj francaj regionoj kaj el eksterlando (ĉefe Poloj.)

La preskaŭ detruita urbo renaskiĝis kaj rapide disvolviĝis; ĝi nombras nuntempe 25000 loĝantojn.

La urbdomo kaj la ĉefpreĝejo Skta Marteno datas el la periodo inter la du mondmilitoj. Super la enirpordego de la koketa urbdomo, kvar kariatidoj figuras ministan kapon; sur la fasado estas videbla ŝildo kun neraj danta ĉevalo paŝanta, emblemo de la urbo. Ambaŭflanke, ĉe la tegmento, staras du statuoj prezentantaj la urbajn aktivaĵojn: maldekstre staras ministo kaj dekstre metiisto. La 57 metrojn alta ĉefpreĝejo estas nunepoka konstruaĵo el orienta stilo. La aktuala poŝtoficejo montriĝis tro malvasta por respondi al la nunaj bezonoj, tial estas konstruita nova tre moderna.

Ankaŭ menciinda estas la Nacia-Kolegio Teknika kaj Moderna, la plej grava en la departemento Pas-de-Calais.

Plibeligo de la publika parko, kostis 160.000 novajn frankojn. En ĝi troviĝas, krom cignoj, ekzotikaj birdoj kaj simioj. Belaj florbedoj, artisme aranĝitaj ornamas la enirejon, kaj en festperiodo la parko estas prilumata per lampetoj, kaj prokejciiloj, kio ravas la okulojn. Ankaŭ okazas tie piroteknikaĵoj kun bengalaj fajroj.

Ĉiu jare, en Hénin-Liétard, traokazas la "Karnavalo de la Minejo", kies reputacio transpasis niajn land limojn. Kvankam depost ŝtatigo de la karbminejoj, la i a m a koncesio de DOURGES, kies sidejo troviĝis ĉi-tie malgraviĝis profite al tiu de COURRIERES, la komerco restas tre vigla.

Ĉe Kristnasko, la Komerĉista Unuiĝo financas instaladon de mikskoloraj elektraj girlandoj tra la ĉefaj stratoj; siaflanke, la komunumo prizorgas iluminadon de la publikaj konstruaĵoj kaj de la parko.

Tiam fariĝas Hénin - Liétard lumurbo.

El la franca tradukis

Lucien BOURGOIS

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

## LA LANGUE INTERNATIONALE DANS LES ECOLES DANOISES

D'après le nouveau programme d'enseignement récemment adopté par le Ministère de l'Education du Danemark, à partir de cette année la Langue Internationale est devenue une matière d'enseignement facultative dans les classes de 8ème & de 9ème de toutes les écoles du Danemark, ainsi que dans toutes les classes du soir.

Le Ministère de l' Education du Danemark avait invité le Docteur I.LAPENNA à faire des conférences dans les Ecoles Normales danoises sur le "Problème linguistique dans les Relations Internationales, et la solution présentée par la langue internationale "Esperanto". Le professeur Lapenna parla fin septembre dans 12 Ecoles normales du pays devant un auditoire total de 2100 élèves, 135 lecteurs et directeurs de ces écoles. Toutes les conférences eurent lieu en Espéranto et furent traduites en même temps en danois. Elles suscitèrent un vif intérêt, et de nombreux cours d' Espéranto furent ouverts pour les futurs instituteurs.

Après sa tournée de conférences le prof. Lapenna a été reçu par le Ministre de l' Education qu' il informa des résultats. A cette occasion, le Ministre exprima de nouveau sa sympathie pour la Langue Internationale.

## L'ESPERANTO DANS UN LIVRE D'ETUDE POUR LES ECOLES HOLLANDAISES

Le célèbre écrivain hollandais M.DEKKER, auteur du drame intitulé "Le Monde n'a pas de salle d'attente" traduit en plusieurs langues, dont l'Espéranto, et son épouse ont écrit un ouvrage ayant pour sujet l'histoire des diverses cultures , destiné aux enfants de 11 à 14 ans fréquentant les écoles hollandaises. Ce livre contient un essai relatif au Dr ZAMENHOF et à la langue internationale Espéranto.

## ETUDE OBLIGATOIRE DE L'ESPERANTO

Selon la décision du Ministre de l'Enseignement de Norvège dans l'école "Aars et Voss à OSLO, l'espéranto sera enseigné dans la 3ème classe de collège pendant les 9 premières semaines de l'année scolaire après quoi pendant les trois quarts de l' année on enseignera le français selon le programme établi. Cette étude officielle, obligatoire, a commencé le 4 septembre 1961; le Professeur de français assiste aux leçons dans le but d' acquérir une connaissance suffisante de la langue internationale pour l' utiliser dans son enseignement du français.

## LES AMIS DE LA NOUVELLE ASIE

Tel est le nom d' une organisation fondée récemment au Japon dont le but est de favoriser les échanges culturels et la compréhension entre les diverses nations d' Asie par l' intermédiaire de l'Espéranto. Elle publie une revue en espéranto portant le même titre.

## UNE BROCHURE EN ESPERANTO DE LA FONDATION ANNE FRANK

Cette fondation, instituée dans le but de perpétuer la mémoire de l'auteur de l'ouvrage célèbre dans le monde entier, relatif à la vie des Juifs persécutés en Hollande,- a publié une brochure en Espéranto

Le "Journal d'Anne Frank" a été lui aussi traduit en espéranto.

INFLUENCE DE L'ESPERANTO DANS LA REFORME DE L'ECRITURE CHINOISE

Le gouvernement chinois a choisi comme membres du Comité pour la Réforme de l'écriture, M.HUYUCH, président de la Ligue Espérantiste chinoise et M.YE LAI SHI son secrétaire général. La réforme subit au maximum l'influence de l' orthographe phonétique de l'Espéranto.

La délégation des observateurs japonais de ce comité est dirigée par le Professeur TOKI ZANMARO lui aussi espérantiste.

VOILA L'AUSTRALIE

Le gouvernement australien vient de faire paraître un film sonore de 16 mm avec commentaires en espéranto.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

ESPERANTO KAJ KOMERCO

- S-ro R.COLNEY, el GAP (C.C.P.LYON I086-95) estas tre praktika samideano. Li vendas al niaj samideanoj bongustan deserton, kaj donas la profiton de la vendado al esperantistaj organizoj. Estas flano, kaj jen la prezoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 5 saketoj: | | 2,75 NF | ( 8 steloj) |
| 25 | " | 12,50 NF | ( 35 " ) |
| 50 | " | 22,oo NF | ( 65 " ) |
| 50 | " | 20,oo NF | (60 " ) |

(tiu lasta prezo estas nur por la mendoj de grupoj).

- La grava firmao GEVAERT korespondas en Esperanto, kaj eldonis tre utilajn gvidilojn en la internacia lingvo. La devo de ĉiuj esperantistoj estas uzi la GEVAERT-produktaĵojn.

- o -

REDUISEZ VOS IMPOTS PAR DES VERSEMENTS A L'U.E.F.-

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Les contribuables peuvent déduire dans la limite de 0,50 o/oo de leur revenu imposable, les versements ou dons et subventions faits à U.E.F.

Les chefs d'entreprise commerciale, agricole ou non commerciale qui disposent en même temps d' autres revenus, les commerçants, industriels et artisans imposés forfaitairement et les contribuables B.N.C. imposés par voie d'évaluation administrative, peuvent opter chaque année entre la déduction des versements dans la limite de 1 o/oo du chiffre d'affaires ou des recettesprofessionnelles et la déduction dans la limite de 0,50 o/oo du revenu imposable à l' impôt sur le revenu des personnes physiques.

Aucune formalité n' est requise: il y a option pour la limite de 0,50 o/oo dès lors que le contribuable a inscrit le versement déductible dans le paragraphe V de la formule modèle B.

Vous pouvez dès maintenant verser vos dons à U.E.F. (C.C.P. PARIS N° 855-35).

MERCI......

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

M I A S E N T O

Ek! en mian koron venis
Sento al mi tute nova.
Por eldiri as nepova,
Estas io kiu ŝajnas
Rava, bela, ja mistera...
Akvofalo de l'vespero,
Nokta kanto de l'kukolo,
Tutsilkeca cignokolo,
Ora stelo de l'espero.

Alano FAVIER

## UN EXEMPLE A IMITER

Nous reproduisons, ci - dessous, le texte d'une lettre que Mr BUERICK 41, rue Gerschell à CALAIS, a adressée au Président du Sundicat d'Initiative de cette ville:

"A l'occasion d'une rencontre espérantiste qui eut lieu dernièrement à BOULOGNE-sur-MER, je viens par la présente vous mettre au courant de ce que peut faire l' Esperanto pour Calais.

Il a été décidé qu' une caravane partirait de Hollande pour prendre en passant les espérantistes des côtes belges et françaises jusqu'à BOULOGNE où elle trouvera des espérantistes des côtes anglaises (plusieurs centaines d' espérantistes - pendant plusieurs jours).

Cet été, des milliers d' espérantistes de 25 pays se rendirent aux Congrès de T.E.J.O. et d' Harrogate (Angleterre) parmi lesquels six autobus italiens, passèrent par Calais

Si vous pensez que l' intérêt de Calais serait de les retenir au passage, je vous donne, outre une petite documentation, des exemplaires de dépliants de Bruxelles, Anvers Vienne (en France). Il en existe aussi, beaucoup d' autres: Le Hâvre, Rouen, etc...) mais je n'en possède plus.

Si vous faites quelque chose pour Calais, je me tiens à votre disposition.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## NOVA ZAMENHOF-STRATO en GERMANUJO

La 29-an de okt. 1961 la Esperanto-Unuiĝo de Grand - Kolonjo solene inaŭguris la novan Zamenhofstraton La stratŝildo mencias krome "Aŭtoro de Esperanto".

Al ĉiuj enloĝantoj de ĉi tiu strato, la kolonjaj gesamideanoj, transdonis leteron kun detaloj sciigoj pri Esperanto kaj Dro Zamenhof.

## ROTARY - KLUBOJ kaj ESPERANTO

La Rotary - Movado estas treege grava en la mondo.

Estus grave, ke niaj samideanoj kontaktu la urbajn grupojn kaj provu havi kun ili amikajn rilatojn.

Eventuale, ili kune organizu komunajn manifestaciojn.

S-ro DUCHEMIN, industriisto, Usine du Pont-de-Roux, en SAINT-BONNET-LE-CHATEL (P.D.D.) Francujo, intencas organizi ekspozicion en diversaj Rotary-Kluboj.

Li estus tre danka al nia samideanaro sendi al li materialon por tiuj ekspozicioj: afiŝojn, propagandilojn, dokumentojn, ktp...

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## ALVOKO

Fraŭlino Giseltrand WEIDNER, am Platzertum 22 - DUREN (Germanujo) deziras trapasi unu jaron en Parizo ekde aprilo 1962 por lerni perfekte la francan lingvon. Ŝi serĉas esperanto-familion, kiu ŝin akceptus - kiel famili-filinon aŭ vartistinon. Ŝi intencas apude viziti la lernejon por lingvoj kaj dezirus labori duontage ĉe la familio. Ŝi estas 20 jara kaj laboras en oficejo.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## NEKROLOGO

Nia simpatia samideano, S-ro J. JAEGY, el Bourg - la - Reine, perdis sian edzinon post longa malsano.

Niajn sincerajn kondolencojn.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Dimo Ĵekov TRUDOLJUBOV, ĵurnalisto str. Strahil 19 "b" - urbo IAMBOL (Bulgario) deziras korespondi kun geesperantistoj kaj ĵurnalistoj.

## RECENZOJ

### REEĤOJ - Jugoslavia Poemaro

Prologo de M. GIVOJE - Enkonduko de Marjorie BOULTON - STAFETO: Beletraj Kajeroj n°8 - J. REGULO-PEREZ, eldonisto, La Laguno, Tenerifo, Kanariaj Insuloj, 1961 - 19 x 12 cm - 112 paĝoj - Prezo: 5 NF.

Per la apero de "Reeĥoj" plian fojon estas atestataj la vigleco de la jugoslavia Esperanto-movado kaj la kultura valoro de ties aktivecoj Ke dek naŭ poetoj originale verkantaj en Esperanto, trovas lokon en tiu ĉi poemaro, tio estas per si mem fakto signifoplena. Sed, kiam oni scias, legante la prologon de ĜIVOJE, ke tiu nombro rezultas el severa kribrado, de trimembra prijuĝa komisiono, de respondoj al pli ol kvardek cirkuleraj leteroj senditaj al "ĉiu samideano aŭ samideanino, pri kiu (oni) supozis, ke li aŭ ŝi skribas poemojn", tiam estiĝas admiro, ke tiom da samideanoj kulturas la poeziemon en Jugoslavio dum en certaj landoj estiĝas - aŭ devus estiĝi - hontemo, ke apenaŭ ekzistas sama nombro da nuraj poezio-legantoj.

Tial mi admonas ĉiun, kiu eĉ ne unu verson iam legis, malfermi tiun ĉi volumon. Ĉar la leganto ne estas devigata altiĝi ĝis la pinto, kie staras Boždiar VANČIK kaj J.VELEBIT jam bone konataj de la poezio-amantoj. Haltante ĉe tiu aŭ alia - laŭ la prefero kaj gusto - malpli matura poeto, li komprenos, kiel poezio simpla estiĝas, kiel, lerte mulditaj tra tiu disciplino kiu nomiĝas versteknikо, la pensoj kaj la sentoj - eĉ la plej etaj kaj banalaj - akiras senegalan kaj komunikan esprimpovon. Nu, demandu vin, ekzemple, kio estas la deziro... Kaj jen lasu vin kortuŝi de la respondo de Margarethe-Greta STOLL:

Premu,
premu min forte
sub la lun' opala,
ke mi sentu vin...

Tenu,
tenu min, firme
ĝis maten' kristala
ve, disigos nin!

Certe korekta lingvaĵo kaj ekzakta versteknikо ne sufiĉas por fari bonan poemon. La leganto senpene trovos mankojn en iuj poemoj. Foje li bedaŭros, ke evitebla manko ne estis evitita, kiel en la lastaj versoj de "Terura Sonĝo" de D.RASAN kie, post tri potencaj strofoj, la penso kaj tekniko subite lamas. Sed ja mankoj estas normalaj ĉe poetoj, kiuj ankoraŭ ne transpasis la stadion de amatoreco. Kaj ni ne estu malpli indulgaj ol Marjorie BOULTON kiu, farinte tiun rimarkon, notas, ke amatoreco deriviĝas de amo, kaj ni prefere atentu pri la kvalitoj de tiuj poemoj. Multaj pruvas fortan personecon kaj havas allogan originalecon. Ĉiuj montras rektecon en la penso kaj sincerecon en la sento.

El la dek naŭ poetoj aperantaj en la kolekto kvar estas virinoj.M. BOULTON notas la altan procenton, kaj prave rimarkas, ke kelkaj el la plej impresaj poemoj venas el ili.

Fine de sia prologo, M.ĜIVOJE faris du deziresprimojn. La plenumiĝo de la unua iel dependis de lia kuraĝa entrepreno; gratulon al li ĉar li estas rekompencita: Reeĥoj ne disflugos seneĥe. La sorto de la dua dependas de ni, de la tuta samideanaro: ke tiuj versoj "veke sonu kaj resonu en la koroj, elvokante pluajn eĥojn kaj stimulante dormantajn talentojn ankaŭ en aliaj landoj". Koncerna la nia, tiu ĉi deziro eble ne estas superflua.

Pierre ROYER

## SERVICE DE LIBRAIRIE

### ETUDE ET ENSEIGNEMENT

L'ESPERANTO CET INCONNU...... 1,25

MANUEL D'INITIATION.......... 1,50

DIALEKTO, DIALEKTIKO......... 3,50

ESPERANTO MANUEL (Chavet).... 5,00

### DICTIONNAIRES

Légers-Albault (F + E)....... 20,50

Waringhien (E + F)........... 30,00

PLENA VORTARO DE ESPERANTO... 15,00

### HISTOIRE DU MOUVEMENT

LETEROJ DE ZAMENHOF (2 vol.). 20,00

VIVO DE ZAMENHOF (E.Privat).. 4,50

ORIGINALA VERKARO (Zamenhof). 18,00

### LITTERATURE

ANGLA ANTOLOGIO.............. 14,00

TOPAZE (Pagnol/Bernard)...... 10,00

REĜO EDIPO - ANTIGONA ....... 10,00

LINGVO kaj VIVO.............. 20,00

FABIOLA (bindita)............ 12,00

LA ĜOJA PODIO (Schwartz)..... 4,50

LA HUNDO KRUSO............... 2,50

INFANOJ EN TORENTO (2 vol.).. 5,60

INVITO AL ĈIELO.............. 4,50

KARLO (E.Privat)............. 1,20

MALSATA STONO (Tagore) (bind) 15,00

LA VERDA RAKETO (J.Forge)...... 11,25

VITRALO (John Francis)......... 6,00

LA REVIZORO (Gogol)............ 4,50

DANA ANTOLOGIO (bindita)....... 16,50

NORMANDAJ RAKONTOJ (Maupassant) 17,00

KONTRALTE (M.Boulton).......... 10,00

### RELIGION ET PHILOSOPHIE

SANKTA BIBLIO (bindita)........ 10,00

NOVA TESTAMENTO................ 3,00

### VOYAGES & GEOGRAPHIE

AUSTRALIO - lando kaj popolo... 3,50

KANAKO EL KANANAM.............. 11,00

TEMPESTO SUPER AKONKAGVO...... 11,00

NEPALO MALFERMAS LA PORDON..... 15,00

SEKRETOJ DE LA MARESTAĴOJ...... 7,50

VIVO DE LA PLANTOJ............. 11,50

EKSPEDICIO KON - TIKI.......... 18,50

PARIZA GVIDLIBRO............... 2,50

**Frais d'expédition et de poste:**
20% jusqu'à IO NF - 15% jusqu'à 20 NF et 10% au - dessus. Les commandes sont à adresser, avec les fonds à U.E.F. 34 rue de Chabrol - PARIS- C.C.P.PARIS 855-35.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le Gérant: Jean GUILLAUME

L'imprimeur: Ets Ch. MORIN
188 rue du faubourg St-Denis PARIS IO

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx